XXXIII-a Jaro — N-ro 450 — 10 Oktobro 1937

# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto - Asocio

# La inaŭguro de l' Palaco Wilson
# Hejmo de l' Centro Internacia kaj UEA

## Genève kaj la internaciismo

Jam antaŭ la veno de la Ligo de Nacioj Ĝenevo estis centro internacia kun kosmopolita loĝantaro. Efektive... inter la 140 000 loĝantoj, pli ol la duono estas neĝenevanoj, kaj inter ili 40000 da ne-svisoj. Oni povas renkontiĝi tie ĉi kun anoj de ĉiuj nacioj kaj ekzistas veraj kolonioj de kelkdeko da popoloj. Civito de rifuĝintoj religiaj kaj politikaj, Ĝenevo konservis tiun ĉi trajton kaj la ekzilitoj, fariĝintaj ofte civitanoj larĝe kompensis montritan favoron. Kaj kiam politika tertremo ŝanĝis aspekton de iu regno, ĉiam alvenis atestantoj de tiu ĉi okazaĵo tien-ĉi por kelka tempo aŭ por ĉiam.

La veno de la Ligo de Nacioj havis plian sekvon. Antaŭ la milito, apenaŭ dek internaciaj organizaĵoj havis sian sidejon tie ĉi, inter ili la Ruĝa Kruco kaj UEA. Tuj post la instaliĝo de la Ligo de Nacioj venis unu post alia de la gravaj organizaĵoj duon-oficialaj kaj privataj, tiel ke nuntempe estas ĉirkaŭ sesdek. Favoris tion ankaŭ la svisa leĝaro, tiom libereca kaj senĉikana en ĉio kio koncernas societan vivon.

Meze de la tutmonda skuo, la svisa ŝtato ĉirkaŭita de potencaj najbaroj kun malsamaj regadformoj kaj pretendoj, povis sukcese rezisti je spiritaj influoj. La popolregado, tia kia ĝi estas praktikata tie ĉi, certigas sendependecon eksteran kaj internan. La kvarlingveco neniel estas malhelpo por krei kaj fortigi senton de solidareco inter la svisoj. Ne havante kaj ne farante grandan politikon, nek aspirante alies posedajon, Svislando estas destinata de la sorto ludi rolon multe pli gravan ol rajtigus ĝia povo materia. Kaj Ĝenevo, ne estante ĉefurbo de ŝtato fariĝis metropolo de la penso kaj de la penado por pli bona estonto.

## La internaciaj institucioj

Necesas precizigi : Parolante pri internaciaj organizaĵoj oni pensas unue je la Sekretariejo de la Ligo de Nacioj, la Internacia Labora Oficejo, grandegaj organismoj. Plie la centro de la Ruĝa Kruco, institucio fondita laŭ ideo de ĝenevano. Ĉi tiuj institucioj estas oficialaj, vivantaj kaj dependantaj de ŝtata subteno. Ruĝa Kruco kaj Ligo de Nacioj idee havas saman fonton : Akceli la bonon.

Pri la agado de tiuj oficialaj institucioj ja ne mankas kritikoj kaj eĉ pravaj. Sed kiel oni diras, ke ĉiu popolo havas la registaron kiun ĝi meritas, oni povus varii kaj diri *« La nacioj havas ligon tian, kian ili kreis ĝin »*. Konstatinte kaj spertinte la malperfekton de la LdN oni ne kondamnu la ideon, sed oni serĉu sisteme plibonigi. Kaj por tion atingi necesas prilabori metode la publikan opinion.

Tion celas preskaŭ ĉiuj internaciaj organizaĵoj privataj (iuj duonoficialaj) sidantaj en Ĝenevo. Je la bazo de ĉiu klopodado estas la reformo, la plibonigo aŭ la forigo de ekzistantaj kondiĉoj bonaj aŭ malbonaj. Kaj estas do logike, ke ĉiuj tiuj penadoj iel rilatas al la areopago de la popoloj, la Ligo de Nacioj. Por doni al tiuj institucioj reprezenton fondiĝis *Federacio de la Institucioj Internaciaj* (privataj kaj duon-oficialaj) al kiu aliĝis UEA jam en jaro 1929.

## Centro Internacia

Ĉi tiun idean ligitecon kun la Ligo de Nacioj dokumentas la nuna situacio de la internaciaj institucioj. La sekretariejo de la Ligo de Nacioj instaliĝis en jaro 1920 en la estinta « Hotel National » en la plej bela kvartalo de la urbo. Sed tio estis nur provizora. Post 15 jaroj la LdN inaŭguris sian palacon, belega konstruaĵo, giganta en la mezuroj sed tamen harmonia. Jam pli frue la Internacia Labora Oficejo konstruigis palacon, ĉe la bordo de la lago. Oni konsciiĝu, ke ambaŭ LdN kaj ILO kalkulas pli ol mil funkciulojn kaj ĉiu posedas arsenalon da dokumentoj, arkivoj, materialoj ĉiaspecaj.

La estinta sekretariejo de la LdN nomata laŭ la fondinto de la Ligo de Nacioj, Prezidanto Wilson fariĝis posedaĵo de la svisa ŝtato. Kaj por helpi al la institucioj internaciaj, la registaro svisa decidis meti ĝin al la dispono je kondiĉoj moderaj. Post longa traktado de la *Federacio de la Institucioj Internaciaj* kun la registaro, la modo kaj maniero de la luado estas fiksitaj. Kaj por kroni ĉion, okazis je la 27a de Septembro la inaŭguro de la nova hejmo de l' Centro Internacia.

## La inaŭguro

La Ĝeneva Registaro invitis al la inaŭguro de la Palaco Wilson por ĝia nova celo. La ceremonio okazis en la iama Kunvenejo de la Konsilantaro de la Ligo de Nacioj, la vitra salonego .kie en 1922 okazis la Pedagogia Konferenco pri Esperanto.

Estis reprezentitaj la Svisa registaro, la Registaro de la Kantono Ĝenevo kaj la delegitoj de la Internaciaj Institucioj, inter ili UEA. Partoprenis aro da delegitoj al la jara kunveno de la Ligo de Nacioj, la konsuloj de multaj regnoj, entute 300 personoj.

La kunveno esprimis la dankon al la registaro, disponiginte la palacon kaj speciale al la nelacigebla peranto inter registaro kaj federacio : Sinjoro Guillaume Fatio ĝeneva patriciano kaj amiko de Esperanto. [Parenteze : Estis li kiu antaŭ la milito donis al René de Saussure la ideon krei helpmonon, la faman spesmilon.]

Post la alparoloj, la kunvenintaro vizitis la Palacon, transformitan por ĝia nova bezono. La Palaco, al kiu estis alkonstruita ferbeton-vitra, kvarangula kunvenejo-oficejo, okaze de la (malsukcesinta) Konferenco por Senarmigo, havas tri grandegajn salonojn por kongresoj, manifestacioj kalkulantaj inter mil ĝis dumil personoj, speciale aranĝitaj por tiu ĉi celo. Belega vidaĵo sur la lago, sur la Monto Blanka (Mont-Blanc) sur la bordoj de Savojo, formas kadron unikan kaj ĉarman.

## Listo de la institucioj kun sidejo en "Palais Wilson"

La oficiala listo indikas la jenajn instituciojn, sidantajn en la palaco.

**Ter-etaĝo (suba)**

1. Konstanta ekspozicio de la Internacia Instituto por Studo de la Saneca Materialo (Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco).
   (Estas elmontrataj ĉiuj helpiloj por transporto kaj flegado de vunditoj de ĉiuj regnoj).

**Ter-etaĝo supera**

2. Internacia Oficejo de l'Edukado (Bureau International d'Education).
3. Instituto de l'Eduksciencoj (Institut J.-J.-Rousseau).
   (Institut des Sciences de l'Education).

**Unua etaĝo**

4. Universala Komitato de la Kristanaj Unuiĝoj de Junaj Viroj.
   (Comité Universel des Unions Chrétiennes de Jeunes Gens.)
5. Universala Komitato de la unuiĝoj Kristanaj de Junaj Filinoj.
   (Comité Universel des Unions Chrétiennes de Jeunes Filles.)
6. Alianco universala por la amikeco internacia per la eklezioj.
   (Alliance universelle pour l'Amitié internationale par les Eglises.)

**Dua etaĝo**

7. Asocio Universala Kalendara.
   (Association Universelle du Calendrier.)
8. Kongreso Internacia pri Laboroj de Publika Higieno.
   (Congrès International des Travaux d'Hygiène publique.)
9. Asocio internacia kontraŭ la narkotikaĵoj.
   (Association Internationale contre les stupéfiants.)
10. Oficejo por la protekto de la migrantoj.
   (Bureau pour la protection des Migrants.)
11. Konsilantaro Internacia Virina.
   (Conseil International des Femmes.)
12. Kolektiĝo Universala por la Paco.
   (Rassemblement Universel pour la Paix.)
13. Komitato por la paco kaj la senarmigo, kreita per la internaciaj internaciaj organizaĵoj Virinaj.
   (Comité pour la Paix et le Désarmement créé par les Organisations Internationales féminines.)
14. Tutmonda Kongreso Juda. (Congrès Juif Mondial.)
15. Fundaĵo Carnegie. (Dotation Carnegie.)
16. Helpo al la Elmigrintoj. (Aide aux Emigrés.)
17. Oficejo Centra por Interhelpo de l'Eklezioj.
   (Office Central d'Entr'aide aux Eglises.)
18. Federacio de la protestantaj eklezioj Svisaj.
   (Fédération des Eglises protestantes de la Suisse.)
19. Alianco Tutmonda de la Reformitaj Eklezioj (sistemo presbiterana).
   (Alliance mondiale des Eglises réformées (système Presbytérien).
20. Organizo internacia de la Lernejoj de Dimanĉo.
   (Organisation internationale des Ecoles du Dimanche.)
21. Metodista Eklezio Episkopa. (Eglise Méthodiste Episcopale.)
22. Oficejo Internacia por la disvastigo de l'Radio.
   (Office International de Radio-diffusion.)
23. Instituto : The New Commonwealth.
24. Revuo « Aujourd'hui ».
25. Konferenco internacia por la reciprokeco kaj la sociaj asekuroj.
   (Conférence Internationale de la Mutualité et des Assurances sociales.)
26. Asocio internacia por la interŝanĝo.
   (Association Internationale des Echanges.)

**Tria etaĝo**

27. Internacia Labor-Oficejo. (Bureau International du Travail.)
28. Universala Esperanto-Asocio. (Association Espérantiste Universelle.)

**Kvara kaj kvina etaĝo**

29. Internacia Servo de la Societo de l'Amikoj.
   (Service International de la Société des Amis (Quakers).
   Centre Quaker et Foyer d'Etudiants.

**Konstruaĵo por la Senarmigo (Bâtiment du Désarmement).**

30. Biblioteko Ĉin-internacia. (Bibliothèque Sino-Internationale.)

La kvakeroj (Societo de la Amikoj) kreis en la Palaco Hejmon por Studentoj. Dudeko de hejmece aranĝitaj ĉambroj kun ĉiu moderna konforto servas je tiu ĉi celo. Komunaj salonoj por diskutado, legado kaj distrado kompletigas la tutaĵon. Kaj en la teretaĝo troviĝas la grandega biblioteko de la Oficejo de Edukado, konsultebla de ĉiu interesulo.

Fine UEA kaj la Esperanto Movado estas en preskaŭ ideala hejmo. Pli kaj pli montriĝas kiom necesa estas kunigo de la fortoj, sur racia bazo kaj profitante la spertojn de la lastaj jaroj. Je tiu ĉiu celo ni nun alpaŝos por ke efektiviĝu centprocente la devizo

*En Unueco estas la forto.*

# Universala Esperanto - Asocio

**Centra Oficejo : Nova adreso : Palais Wilson, Genève, Svislando**

# Lasta eĥo de la Jubilea Kongreso

## 29-a Universala Kongreso de Esperanto

### La Jubilea Kongreso

Varsovio, Al. Jerozolimskie 39/11, Telef. 8-87.43

### La festo de la Veteranoj
### Raporto de la Komisiono por la Jubilea Stelo

La 8-an de Aŭgusto 1937, dum la Jubilea Kongreso en Varsovio, okazis en la granda salono de la Kongresejo, la Festa Vespero de la Veteranoj de la Esperanto-Movado.

La solenaĵon prezidis S-ro Roman Sakowicz en la ĉeesto de S-ro B. Wyszynski, prezidanto de la Loka Kongresa Komitato. Kiel sekretario funkciis Dr-o J. Litauer.

Post enkondukaj vortoj la orkestro ludis « La Esperon » « Kanton de Ligo » de Mozart kaj Julio Baghy eldiris profunde kortuŝan paroladon, dediĉitan al la rememoro de la unuaj pioniroj de Esperanto, iliaj penoj kaj laboroj.

Dum la mallaŭta ludo de la Funebra Marŝo de Chopin, la inspirita oratoro elvokis unu post alia la nomojn de la unuaj kaj plej konataj ne plu vivantaj esperantistoj. En la plena salonego, ĉiuj ekstaris. Korŝir-malgaje apenaŭ ludis la muziko, plore sonis la karaj neniam forgesotaj nomoj. Multaj okuloj estis plenaj de larmoj.

Kaj kiam ĉesis la Funebra Marŝo, Baghy entuziasme en la nomo de la grandega kulturmovado esperantista, dankis la vivantajn pionirojn de la unua kvaron-jarcento de Esperanto.

La solenan paroladon de S-ro Baghy sekvis la publika disdono al la veteranoj per la prezidanto de la solenaĵo, de atestoj kaj de Jubileaj Steloj. La atesto enhavas la jenan tekston :

> **La XXIX-a Jubilea Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio 1937 decidis esprimi sian estimon per aljuĝo de la jubilea stelo pro la pionira agado al ...... el ...... kiu aliĝis al la aktivaj batalantoj por la Lingvo Internacia Esperanto en la jaro......**
>
> **Varsovio la 8an de Aŭgusto 1937.**
>
> **Prof. O. Bujwid,** Prezidanto de la Kongreso — **B. Wyszynski,** Prezidanto de la LKK — **Józef Litauer,** Sekretario de la Komisiono

### Ora stelo estis donita al :

Generalo Tadeusz Kasprzycki, Pola Militministro

Arne *Arnessen;* Carl *Barthel;* Louis *Bastien;* Leo *Belmont;* Paul *Blaise;* Herman *Boucon;* Ismael Gomez *Braga;* R. *Déchaux;* Ernest *Deligny;* Edinburga Esperanto Societo : Franciszek *Ender;* Adolph *Feiner;* Izydor *Fels;* Corrado *Grazzini;* Zygmunt *Greffkowicz;* Roman *Dobrzanski;* Stanislaw *Kamaryt;* Leon *Klimecki;* Ivan H. *Kresstanov;* Marcel *Laignier;* Johan *Lovli;* Jean Jaques *Monnier;* National Institut for the Blind; National Library for the Blind; Stefan *Nenkov;* Albin *Neuzil;* Paul *Nylen,* William Percy *Merrick;* Edmond *Privat;* Gustaw John *Ramstedt;* Eduard *Stettler;* Rollet *de l'Isle;* Wilhelm *Róbin;* Georges *Saget;* Roman *Sakowicz;* Otto *Simon;* Kunitaro *Takahaŝi;* Dawid *Tenenbaum;* Harald *Thilander;* Carl *Thulin;* Association Valentin *Haüy* pour le bien des aveuges; Hugo Vilhelm *Salokannel;* W. *Willumsen,* Aleksandro Antoni *Zakrĵevski;* Adam *Zamenhof;* Jean *Couteaux;* Bolesław *Głuchowski;* Julian *Jarecki;* Leon *Szejnman;* Ignacy I. *Krenicki;* Józeph *Krenicki;* Stanisław *Szabuniewicz;* Stanisław *Essigman;* Adam Gabryel *Furmanik;* August *Sochacki;* Juliusz *Kriss;* Emilian *Loth;* Leopold *Lubliner;* Władysław *Pozner;* Jan *Günther;* Teofil *Koziara;* Teodoro *Kovacs;* Aleksandro *Laguer;* Kajetan *Seper;* Gabriel *Chavet;* Mieczysław *Czerwinski;* Hans H. *Kürsteiner;* Jakob *Schmid;* Emile *Gasse;* Roman *Palleja;* P. *Pouchot;* Mieczysław *Rogalski;* Prosper *Couffinhal;* Charles *Fahrner;* Eugeno *Fuchs;* Ludoviko *Lajos;* Stefano *Mclnar Nagy.*

Jane *Baird;* Eugenie *Cense;* Regina *Fels;* Nesta *Ford;* *Poittevin;* Teofila *Essigman;* Fanny *Uhrova-Krivancovà;* Rose *Vogt;* Zofia *Zamenhof;* Felicja *Szyszko-Witulska;* Paulina *Muszkatblat;* Aleksandro *Dombrovski;* Asile Recordon; Esperanto Societo Bern; Sœurs Aveugles de St. Paul; Janina *Ender.*

### Arĝentan stelon ricevis :

Léon *Agourtine;* Alf. *Arnesen;* Henri *Aubé;* Julio *Baghy;* Ozkar *Baum;* John *Bergh;* Robert *Berg;* Brazila Ligo Esperantista; Odo *Bujwid;* Modesto *Carolfi;* Michał *Chmielinski;* Edgard *de Coster;* Rajmund *Cech;* Antoni *Czubrynski;* Andreo *Cseh;* Esperanto-Societo « Danubio »; Andreo *Deistler;* Les *Denricusiuk;* Didrik *Didriksen;* Jergu *Dinju;* W. *Dorošenko;* René *Dubois;* O. J. *Elvernen;* Alfred *Engländer;* *Balkay* Géza; Marian *Grodzki;* Albert *Gustavssen;* K. *Gerŝater;* Solti *György;* Ekedalen *Hallin;* Olans *Halvorsen;* Henry W. *Hetzel;* J. V. *Holleman;* Edward *Imsdahl;* Harry *Ingham;* J. R. G. *Isbrücker;* Hnat *Jakimczuk;* Hans *Jakob;* *Jankovich* Lajos; Sam *Jansson;* *Ausländer* Jeno; Leopold *Dreher;* Peter *Johannessen;* Sigrid *Johannessen;* Hugo *Jokl;* Teo *Jung;* Rudolf *Kaftan;* Kolomano *Kalocsay;* Halfdan *Karterud;* Anatolo *Koh;* Emil *Kołodziej;* Antonio *Krtsmary;* Moriz *Lackenbacher;* Józef *Litauer;* Stefan *Lubliner;* Seth *Lünnegren;* E. *Mage;* C. *Mattsen;* Józef *Migacz;* *Bànô* Miklos; Hagbart *Mörk;* William *R. Mackay;* Anton *Nilsson;* Adolf *Oberrotman;* *Pataki* Ignac; Andreas *Pedersen;* Stanisław *Peksa;* A. C. *Petterssen;* Emil *Pfeffer;* Oskar *Popper;* Leon *Rosenstock;* Wilhelm *Sandberg;* Franz Josef *Schade;* Josef *Schamanek;* Ludwig *Sengebusch;* Vilho *Setäla;* Karl Otto *Sikor;* Hugo *Sirk;* O. *Brochman Sletterod;* Romuald Sołoniewicz; Olaf Storen; Jakob *Ŝapiro;* Rafaele *Tancredi;* Samuel *Szulc;* Ramizo *Turi;* Edward *Wiesenfeld;* F. *Staes;* Vandervoorde; R. F. *Vaughan;* Kazimierz *Zajaczkowski;* Oskar *Zimmermann;* Julius *Glück;* Hugo *Steiner;* Stanisław *Karolczyk;* Stanisław *Sudelik;* Benedykt *Herold;* Jan *Kostecki;* Leon *Ferencowicz;* Cecil C. *Goldsmith;* John *Johanssen;* Tadeusz *Kaciczak;* Włodzimierz *Miernicki;* Kenji *Osssaka;* Stanisław *Rudnicki;* Hideo *Yagi;* Jozefo *Koch;* Władyslaw *Mergel;* Włodzimierz *Pfeiffer;* Paul *Huline;* *Dienes* Endre; Józef *Friedrich;* *Holley* Bela; Kazimierz *Tyminski;* *Vakok* József nàdor kir. orsz. intézete.

Hanna *Anderssen;* Eileen de Burgh *Daly;* Rosa *Bye;* Anna *Dirnova;* Helmi *Dresen;* Signe *Helgerssen;* Matilda *Hershkovici;* Klara *Hruby;* Julia C. *Isbrücker;* Carla *Jacobsen;* Antoinette *Jennen;* Gerda *Julin;* Hedwig *Kaes;* Eva *Kalssen;* *Schultz* Katalin; Agnes *Melchior;* Amelia *Maggnussen;* Riedel *Margit;* Molnar *Maria;* Agnes G. *Macfarlane;* Minna *Miksch;* Hanna *Nilsson;* Nila *Nilsson;* Melania *Pietsch;* Mario *Polednova;* Ada *Pyntu;* Emma *Raff;* Astrid *Sirevog;* Howard *Sondford;* Elly *Staes;* Lewissa *Strandman;* Anna *Weinstein;* Izydora *Wołosczak;* Lidia *Zamenhof;* Julia *Neubergowa;* Helena *Davidow;* Marie Charlotte *Merrick;* Leonia *Weiler;* Helmi *Josefsson;* Renée *Huline;* Stefan *Teréz.*

> Rimarko : Ni represis la nomojn laŭ cirkulero malfacile deĉifrebla kaj korektis nur tiujn pri kiuj ni estis certaj. (Red.)

Ĉiuj personoj kiuj jam ricevis la atestojn kaj la stelojn, bonvolu nepre kvitanci je suba adreso pri tiu ricevo nur per simpla poŝtkarto kun la detala adreso kaj profesio de la ricevinto kaj la N-ro de la Stelo.

Ĉiuj jam ricevintaj la jubilean stelon; konforme al la anonco sur la paĝo 34 de la Kongresa Libro, bonvolu se ili tion ankoraŭ ne faris, pagi, se ili ĉeestis la kongreson — por stelo kaj atesto kune — 2 zl., se ili ne ĉeestis la kongreson — 4 zl.

La supre cititaj personoj, kiuj ne ankoraŭ ricevis la jubilean stelon kaj ateston bonvolu pagi al la suba adreso — po 2 zł. aŭ po 4 zł., lau tio ĉu ili ĉeestis au ne ĉestis la kongreson, krome ili pagu por sendkostoj /rekomendite/: en Polujo : 90 gr., ekster Polujo : 1.30 zloty.

La esperantistoj aliĝintaj al la Esperanto movado antaŭ la aŭgusto 1905 /ora stelo/ kaj antaŭ la aŭgusto 1912 /arĝenta stelo/, kiuj ne estas supre cititaj, povas ankoraŭ ricevi la jubilean stelon kaj ateston, se ili skribos pri tio al la suba adreso kaj pagos : la ĉeestintoj la kongreson — 2 zł., la neĉeestintoj la kongreson — 4 zł. kaj por sendkostoj /rekomendite/ en Polujo : 90 gr., ekster Polujo — 1.30 zł. Bonvolu komuniki : viajn antaŭ-nomon, nomon, adreson kaj la jaron de aliĝo al la Esperanto-movado, se eble kun iaj pruvoj plej malfrue por la Eŭropaj landoj ĝis la 15 de novembro 1937, por la ekstereŭropaj landoj ĝis la 15 de decembro 1937. La pagoj de 2 au 4 zł. devas kovri la elspezojn por la pretigo de steloj, atestoj kaj la aranĝo de la Festo de Veteranoj.

Dum la Jubilea Kongreso aperis projekto pri la fondo en Warszawa de la internacia « Rondo de Veteranoj de Esperanto », grupiĝanta esperantistojn de antaŭ aŭgusto 1912 kaj celanta per plifaciligo de interrilatoj de la membroj kreskigon inter ili de la fortika sento de solidareco por eventuala kreo por ili de servaro de reciproka morala kaj materiala diversspeca helpo.

La veteranoj, dezirantaj kunfondi kaj aliĝi al tiu-ĉi Rondo, bonvolu skribi pri tio al la suba adreso kaj enpagi la enirkotizon de 1,50 zł. /por la unuaj korespondelspezoj./

Pagmaniero : Poŝtmandatoj aŭ poŝtĉekoj al « 29 Universala Jubilea Kongreso de Esperanto », Warszawa, Pollando — pola poŝtĉekkonto P. K. O. 23445 — Sen iaj aldonoj, aŭ Poŝtĉekkonto de la kasisto de la Kongreso S-ro Stefan Lubliner, Warszawa :

Berlin — 156.660; Bruxelles — 222.461; S'Gravenhage — 145.532; Kobenhavn — 249.02; Luxembourg — 4.593; Paris — 110.097; Praha — 501.385 ; Riga — 3838 ; Stockholm — 4375; Tokio — 325.94.

Samtempe skribu/legeble/al la sola adreso de la Komisiono por la Jubilea Stelo :

S-ro J. Litauer, Warszawa, Pollando, Marszalkowska 81.



### Malfermo de la 29-a Kongreso

Pro nekontrolebla kaŭzo mankis en la listo de la parolintoj — post la alparoloj de la Delegitoj de la Landaj Asocioj —, la Delegito Ukraina.

Ni represigas atentigon ricevitan pro tiu-ĉi manko :

Inter multaj aliaj partoprenis la XXIX-an Jubilean Universalan Kongresen en Varsovio ankaŭ ukraina delegitaro.

Dum Solena Malfermo ukraina delegito salutparolis per jenaj vortoj :

Sur neŭtrala lingva fundamento
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
Unu grandan rondon familian !

Karaj kaj Estimataj Gesamideanoj ! Antaŭ mi parolis la Samideanoj, kiuj havis feliĉon saluti la Kongreson en la nomo de iliaj Registaroj. Mi, filo de Ukraina Nacio, kiu estas s o l a inter pli grandaj nacioj de Eŭrope senŝtata kaj senlibera, ne povas tion fari. La XIII-an Universalan Kongreson de Esperanto en Praha, en Ĉeĥoslovakio salutis la reprezentanto de diplomatia misio de Ukraina Popola Respubliko S-ro Boĉkovski. Mi esperas, ke alvenos tempo, kiam la reprezentanto de ukraina registaro salutos la esperantan kongreson. Hodiaŭ mi en la nomo de ukrainaj esperantistoj salutas plej sincerkore la Gepartoprenantojn de la 29-a Universala Jubilea Kongreso de Esperanto kaj deziras al ĝi plej bonan sukceson !

La kongresanaro per longe daŭraj aplaŭdoj montris al ukraina delegito sian simpation.

Ankaŭ apud la tombo de la Majstro kortuŝe parolis delegito de ukrainaj esperantistoj.

Dum « Festo de Veteranoj » oni distingis per « Jubileaj Steloj » kaj diplomoj ankaŭ kelkajn ukrainajn veteranojn de la Esperanto-Movado.

M. E.

# Tra la libroj

## Literaturaĵoj - Somera Universitato - Nova kolekto - Lernolibroj - Diversaĵoj

Jam kelkaj el la komedioj de **Molière** estis esperantigitaj : Georgo Dandin, la Avarulo, Don Juan, Kontraŭvola kuracisto, Amfitriono, de diversaj tradukintoj. Elvenas nun : **La Nobela Burĝo,** traduko de **Richard Levin,** kun bildoj de B. Aldebert. Tiu burleska satiro kontraŭ novriĉuloj havas ankoraŭ sagetojn trafajn kaj amuzajn scenojn. Laŭdindaj estas la antaŭparoloj pri Molière kaj pri tiu lia teatraĵo. Entute la traduko, revidita de Fino Zschepank, estas sufiĉe ekzakta, korekta kaj flua. Plumdesegnaĵoj ornamas la plaĉan eldonaĵon.

Jen du volumetoj kun lirikaj poezioj, ambaŭ kun aŭtoro-portreto : **La lasta Poemo,** de **Jaume Grau Casas,** kun kvindeko da cirkonstancaj versaĵoj, pri familianoj, amaj deklaroj, dediĉoj al Esperantistaj poetoj, tiuj ja la plej atentindaj ; la lastan verkis la poeto en malliberejo. **Poemoj,** de **Arthur Doménech,** kun deko da versaĵoj de la bopatro de J. Grau Casas, kaj dediĉo de tiu lasta. Ili kantas naturon, amon, per variaj ritmoj. Ambaŭ kolektoj, se ili ne rivelas geniajn poetojn, enhavas agrablajn melodiojn, korektajn versojn, ĝenerale obeantajn la regulon de l' silabnombro kaj ne tiu de l'akcenta ritmo.

La spritaj amuzaj ŝercaĵoj plaĉas al multaj ; tio okazos ankaŭ pri : **La verema raporto pri la German-Molsa milito,** de **P. Th. Justesen.** Mols estas dana duoninsulo kontraŭ Aarhus. En ĉiu lando, kredeble, estas regiono aŭ vilaĝo, kies loĝantojn oni kutime mokas pro ilia stulteco, cetere nur imagita. Unua anekdoto naskas novajn kaj ili fine formas tutan serion. En Danlando, do oni ridindigas Molsanojn, kiuj elpensis bredi peklitajn haringojn en lageto, kaj famiĝis per aliaj similaj al ili aljuĝitaj stultaĵetoj.

---

La raportaro pri la 12$^{a}$ **Somera Universitato,** okazinta en 1936 dum la 28$^{a}$ Universala kongreso en Wien, estas despli utila ke, kaj tio estas novaĵo, la prelegoj estis plejparte nacilingve dirataj. Ili temas pri : « Ligo de Nacioj », ĝiaj neceseco, agado kaj mankoj ; pri : « La regiono ĉe Danubo al la Danubo-popoloj », por pretigi la opinion al pli bonaj rilatoj inter ekonomie nedisigeblaj landoj ; pri : « Modela reformo de impostoj », kie estas rekomandata anstataŭi ĉiujn impostojn nunajn kaj malĝustajn per unu sola laŭ la tervaloro ; pri : « Rilatoj inter Nederlando kaj Mezeŭropo », kaj tradicia rolo arbitracia kaj rifuĝeja de Nederlando ; pri : « Esperanto en la Internaciaj Unioj », kaj la renkontataj malfacilaĵoj kaŭzataj de malprogresemo kaj rutino ; pri : « Samtempa (ĉu ne nuntempa ?) ĉeĥoslovaka filozofio », kiu havas ĉiam inklinon al sociologio ; pri : « Unu lingvo por travojaĝi la mondon », kie J. R. Scherer diras siajn spertojn kiel esperantista mondvojaĝanto. Aldone estas raportoj pri la laboroj, dum la sama kongreso, de : « Konferenco de Instruistoj » kaj : « Konferenco de Virinoj ». Sed apartan intereson havas por niaj rondoj la prelego de K. Kalocsay pri : « La perspektivoj de la Esperanta literaturo », kie la aŭtoro klarigas sian sintenon pri evoluo de nia lingvo, pri ĝia altigo al rango de kulturlingvo, pri la du tendencoj kontraŭaj inter simplistoj kaj riĉigantoj, pri la estiĝanta diferenco inter la lingvo vulgara kaj la lingvo literatura, pri la prefero por poezio de sugestriĉaj mallongaj radikoj anstataŭ pezaj kunmetaĵoj, pri la neologismoj anstataŭantaj la longajn erarigajn vortojn kun prefikso « mal », pri la disvolviĝo de la esperanta poezio kun serio da trafe elektitaj specimenoj.

---

Nova kolekto da interesaj libretoj, tre plaĉe eldonitaj, kaj tiom zorge verkitaj, estas la Muusses Esperanto-Biblioteko. Jen la tri unuaj numeroj. **La grandaj filozofoj kaj la universala lingvo,** de **Julius Glück,** diras resume pri Descartes, Comenius, Leibniz kaj kelkaj iliaj disciploj aŭ komentintoj kiel Couturat, Nietzsche, iliajn ideojn, proponojn, asertojn aŭ juĝojn pri la mondlingvo. **Rusaj Noveloj,** entenas du literaturajn rakontojn de Lermontov kaj Mamin-Sibirjak, en bona traduko de **A. Filatov. De Muheddin ĝis Mundlatin,** de **Teo Jung** estas, flanke de pli dikaj volumoj, tre taŭga resumo, sufiĉa por ekkoni la temon pri mondlingvaj projektoj aperintaj antaŭ kaj post Esperanto.

---

Jam 3$^{a}$ eldono de **La komunista Manifesto,** de Marks kaj Engels, aperas, kun nova antaŭparolo de Lucien Laurat, konata komentanto kaj preleganto pri la marksisma teorio. Li trafe taksas la nunan valoron de l'grava socia dokumento, kies traduko estas tre bona kaj tre klara.

En : **Frateco en la vivpraktiko,** de Henrieta Roland Holst van der Šalk, tradukita el nederlanda de **H. A. Buis,** la aŭtorino elokvente pledas por la solidareco, la interhelpo, por la dezirinda anstataŭigo de la ankoraŭ nun komuna « mi-servemo » en ĉiam pli konscian « ni-servemon », do por antaŭenigo de la homa socio al pli alta ŝtupo en ĝia helicforma progresirado. Interesa leginda rezonado celanta al « batalo pri la liberigo de l'laboranta amaso per la nuligo de l'privata posedo de produktrimedoj, kaj al batalo pri la liberigo de la alihaŭtaj rasoj per la nuligo de l'kolonia regado ».

**Laborista Esperanta Movado** antaŭ la mondmilito de **G. P. de Bruin,** kolektas artikolojn aperintajn en « La Nova Epoko » dum 1930-1931. Vice estas notitaj la progresoj de tiu movado, unue laŭ landoj, poste laŭ fakoj.

---

La eldonejo W. J. Thieme k. $k^{lo}$ en Zutphen, Nederlando, aperigas tri volumojn, kiuj laŭ ekstera aspekto, preso, papero, estas modelaj kaj plezurigas libroŝatanton. Ili estas, unue : **Mia Lernolibro,** praktika metodo por Nederlandanoj de **P. J. Soeters.** La aŭtoro, kiu instruis dum jaroj, spertis ke gramatiko povas esti reduktita ĝis minimumo, ke lernanto eltrovas la regulojn mem el la uzado, ke lin oni devas paŝpaŝe konduki, kaj ĉefe paroligi, ke izolajn vortojn, orfajn je sia frazo, ne retenas memoro. Per 39 lecionoj, konsistantaj el modelaj aŭ konversaciaj frazoj, el tradukotaj tekstoj, kaj nur koncizaj nacilingvaj klarigoj, ĉiuj partoj de nia lingvo estas plene kaj funde akireblaj. Due, **La Verbo en Esperanto,** teorio kaj praktika uzado, de **Julius Glück** kaj **J. H. J. Willems.** La aŭtoroj asertas prave ke : « studante la verbon en nia helplingvo, oni ne sufiĉe liberigas sin de la verbsistemo de la propra, nacia lingvo. » Tial, per bonegaj ekzemploj, multaj trafaj, ĉiuj formoj de la verbo estas vice klare prezentataj, ankaŭ la participaj formoj, la uzo de « si » kaj « sin », de « igi » kaj « iĝi » k.t.p. La taŭgeco de l'simplaj reguloj plezurigas post lego de similtemaj sed trokomplikaj traktaĵoj. Kiu studinte tiun oni nur povas sincere kompati. Trie, **Demandaro kaj Respondaro,** pri la historio de Esperanto-Movado, kompilita de **M. de Waard.** La similaj verkoj de Ladevèze kaj Möbusz kompreneble malnoviĝis. Ĉi tiu taŭgos speciale por lernantoj pretiĝantaj al ekzamenoj. Listo da 128 demandoj resendas al samnumeraj respondoj koncizaj, precizaj, pri la historio de mondlingvoj, de Esperanto, de niaj organizaĵoj. Tiu rekomendinda kompendio ne anstataŭos fontverkojn sed bone plenumos sian limigitan celon, kaj ankaŭ sufiĉas por unua informo pri la temo. Aldona parto, same aranĝita traktas speciale pri la movado en Nederlando.

La **Moderne Esperanto-Kursus** de D$^{r}$ Ferenc Szilágyi, estas por Danoj aranĝita de **L. Friis** kaj **P. Frey.** Tiu lernilo, unue verkita por svedoj, estis jam tradukita por angloj, francoj, nederlandanoj. Oni scias ke, en ĝi, la instruo, laŭ rekta metodo, sen traduko, baziĝas sur multegaj demandoj, kies temojn liveras apudaj bildetoj amuzaj. Post la tiaj 16 lecionoj, aldonoj estas legaĵoj, vortareto, tradukoj de l'ekzercoj. Instruanto, lernanto, kursano, per ĝi lude iros de unu bildo al alia, de unu scio al dua.

**Ilustrita Lernolibro** de Esperanto por praktika komenca kurso de **Delfi Dalmau** entenas kolekton da 12 bildaroj kun numeritaj objektoj kaj apudaj lecionoj el teksto kaj demandoj por interparolado ; simpla, nur esperanta unua lernolibro.

**Kleines Taschenwörterbuch Deutsch-Esperanto** de **D$^{r}$ Emil Pfeffer** estas laŭ formato de l'ŝlosiloj, sed inverssenca. Ĝi enhavas pli ol 3500 germanlingvajn ĉefvortojn kun iliaj tradukoj laŭ la oficiala radikaro. Estus ofte tre dezirinde posedi tiajn vortaretojn kompletigojn de la ŝlosiloj, por ĉiuj ties lingvoj ; nur kelkaj ĝis nun ekzistas. Kiu kuraĝa eldonisto daŭrigos la serion ?

La **Oficiala Vortaro de Esperanto** de **S. Grenkamp** estis akre kritikita ĉar, malgraŭ la titolo, ĝi ne estas oficiala vortaro sed vortaro de l'oficialaj radikoj aranĝita de privatulo. Tamen tia presaĵo mankis ; multe malpli ampleksa ol la Plena Vortaro, ĝi preskaŭ estas ties resumo, liverante post ĉiu oficialigita vorto difinon mallongan sed precizan. (Kelkaj el ili bezonas korekton.) Poŝformata, tolbindita, klare dukolone presita sur maldika papero, oni povas ĝin rekomendi, ĉar ĝi anstataŭas bezonatan oficialan eldonaĵon, esperante ke ne malice la aŭtoro uzis tromplogilan titolon.

---

Fine, la **Gvidlibro pri Rio de Janeiro,** aperinta en 1936, por la 9$^{a}$ Brazila kongreso, estas presita en ŝtata presejo kaj eldonita de Ministerio por eksterlandaj aferoj. Post skizoj geografiaj, ekonomiaj, turistaj pri Brazilo kaj Rio, ĝi prezentas tridekon da tutpaĝaj fotoj, tiel ke la gvidlibro fariĝis vere bela albumo pri la multnombraj ravaj pejzaĝoj de la « Mireginda Urbo ».

4 septembro 1937. G. S.

---

# Evoluo de Esperanto

**Kritik-historia skizo de Petro Stojan**

XIII.

*(sekvo)*

## Lukto por la majstreco

Depost 1905 Zamenhof fakte ne plu kontribuas al la progreso de sia kreaĵo. De tempo al tempo li iomete aldonas tiun aŭ alian detalon, enkondukas kelkajn specialajn radikojn, inaŭgurita en 1905, kies defendon li konfidis al la Lingva Komitato. Estas vere, ke kvindekjarulo malofte montras kreeman reformemon, se li eluzis sian antaŭan vivon por ion pene konstrui. Laŭ sia korpa naturo Zamenhof maljunuliĝis tro frue : jam tridekjara li havis frunton senhariĝan, dudekjara — li jam korsuferis. La skuo de la Ido-skismo ne povis lin ĵeti sur la vojon de plibonigoj, — tute kontraŭe : li fariĝis pli konservema, pli singarda.

Beaufront — « unua post la majstro » — estis rigida konservemulo, ĝis la lasta momento, kiam subite li rompis... En 1907 lia loko de la « unua disĉiplo » liberiĝis, kaj ĝin tuj okupis alia konservemulo, pli severa ol Beaufront. La citadelo, malfortigita en 1907, estis en danĝero de pluaj perfidoj : necesis forta mano kaj agla okulo por ĝin gardi. La estro de la Presa Esperantista Societo memvole fariĝis tiu gardanto. Post la morto de Boirac li prenis ankaŭ lian postenon en la Lingva Komitato. Kaj, neeviteble, ĝia rolo post tiam reduktiĝis al la taga kaj nokta gard-marŝado ĉirkaŭ la citadelo. La majstreco do, por tiu naskita ĉefo, konsistis en la fidela konservado, en blinda imito, kaj en periodaj arm-eliroj el la citadelo por forpeli danĝerajn vagantojn, kiuj povus ĉirkaŭstudi ĝin por ebla atako aŭ por perfida komunikiĝo kun la sieĝataj citadelanoj.

Aliaj ĉefoj, pli junaj aŭ pli progresemaj, revis pri alio, pri la vera majstreco en la lingvo : kreado de bonaj novaĵoj, influo al la novaj generacioj, plibonigoj, delikataj operacioj por kompletigi, pliprecizigi kaj poluri Esperanton. Grabowski penadis per belstilaj tradukoj, post kiam li fiaskis kun siaj provoj krei novan lingvon. Paul Berthelot fosis sciencan flankon, ortografian, simpligon de terminaro. Fauvart-Bastoul kaj Grosjean-Maupin unue energie ekmarŝis sur la vojo de utilaj kaj trafe farataj reformetoj de la vortaro. Sed, tuj ili renkontis muran reziston, sentis sin izolitaj, ne havis la paciencon atendi ĝis aperos amikoj (kies ekziston ili eĉ ne divenis), kaj ilia flamo estingiĝis... Cetere, la unua estis kunlaboranto de Boirac, tiama prezidanto de LK, kaj la dua ekvidis antaŭ si la eblon atingi la prezidantecon en la sama LK. Por ambaŭ la rezigno kaj ĉeso labori, almenaŭ fervore labori, estis pli facila kaj pli honorinda. Antaŭ tiu duobla forto ili ne povis rezisti, des pli ke ilia falo gajnis al ili eminentajn amikecojn.

Sentis kaj De Saussure volis rekonstrui samtempe gramatikon kaj vortaron de Esperanto. La unua latinema, la dua logikisto. Kun vera abnegacio, sinofero kaj senprofitemo — ili efektivigis grandegajn laborojn, sed la surda kolereto kaj mokemo de la plimulto des pli kreskis, ju pli fervore ili laboris. La unua ŝajne « krias en dezerto », ĉar la esperantista gazetaro lin komplete ignoras, prisilentas. La dua estis forigita el la LK per la voĉdona decido, kiel danĝera sentrankvilulo, kiu efektive ne lasis al la akademianoj ilian ripozon sur laŭroj. Psikologie tio estis tute justa. Oni forpelas el dormoĉambro muŝojn, kaj precipe tabanojn, krabojn kaj burdonojn, kiuj malebligus en ĝi ĉian dormeton.

Hodler kaj Privat donis al sia lingvo stilon de vivanta praktikeco kaj flueco. Konsekvence, ili volis lasi ĝin evoluiĝi, sigeli ĝian progresantan marŝadon per eksteraj markoj, kaj la sistemo « -io » estis trafe elektita, cetere laŭzamenhofa, tute laŭ la spirito de la lingvo. Tro frua morto forrabis la unuan, kaj vasta publika agado de la alia ne permesis al li persisti sur la vojo.

Baghy kaj Kalocsay, per siaj « Literatura Mondo » kaj multvoluma verkaro, celis renovigi nian literaturan lingvon, en ĝin blovante freŝan energion kaj pasian esprimo-povon. Ĉio favoris por ili, kaj ilia rolo estus granda, se ne alkroĉiĝus eta detalo, kiu ĉion malsukcesigis, kiel sablero difektas la marŝadon de preciza horloĝo. Tiu detalo estis troa moderneco, troa libereco en ideoj tuŝantaj senbride erotikaĵojn, simile kiel Raymond Schwartz. La Esperantistaro, en sia granda plimulto, ankoraŭ vivas la purajn idealojn de antaŭa generacio, kaj la subita duŝo da nudaĵo, malĉastaj aludoj, voluptemaj vortoludoj... ne estis bonvena. Baghy ne je tio pekis, li nur kunasociiĝis kaj donis sian nomon por la tuta kabaredejo. Li pekis kontraŭ la postulato de optimismo, heleco, sano, kiu regas ankoraŭ ĉe ni ; li tro profundiĝis en nigrajn, angorajn, langvorajn, pesimismajn sentojn. Per tio li detruis naŭ dekonojn de sia ebla influo. Tamen, je la vidpunkto de nura stilo, ili ambaŭ, kiel Raymond Schwartz, saltis antaŭen, kaj superis ĉiujn aŭtorojn, kiuj venis antaŭ ili. Ankoraŭ pli progresema estas la juna aro da orienteŭropaj verkantoj, kiu, ne prezentante iun grandan nomon, tamen donas kolektive tre valorajn stilaĵojn : Braun, Morariu, Beraru, Setälä, Hohlov, Nekrasov estas plej tipaj inter ili.

*(Daŭrigo sekvos).*

# El pasintaj tempoj

## Esperanto

**De Ossip Dymow**
(Verkita en 1927)

Mi rememoras pri malgranda, elŝtona dometo en la malbrua « Verda strateto » (Zielona Ulica) en Bjalistoko. Mi vidas ĝin klare antaŭ mi — flave kolorita, neta, kun malgranda ĝardeneto, en kiu kreskis altaj heliantoj. Ankaŭ la internaĵon de ĉi tiu domo mi retenis en mia memoro, kvankam pasis preskaŭ 40 jaroj, de kiam mi vidis ĝin je la lasta fojo. Kuirejo zorgeme pura kun malgrandaj fenestroj, kiuj estis direktitaj al la malantaŭa korto. Tute klare mi ankoraŭ scias, ke la vitroplatoj de ĉi tiuj fenestroj briletis en la koloroj de l'ĉielarko. Ion similan mi neniam antaŭe estis vidinta, tial ĉi tio enstampiĝis tiel forte en mian memoron. Ankaŭ la tute malalta plafono forte impresis min. Mi opinias, ke la loĝejo konsistis el 3 aŭ 4 ĉambroj; el ili mi plej precize memoras la mallarĝan, mallumetan dormoĉambron kun la ruĝe kolorita planko kaj la malnovmoda larĝa lito.

Ĉi tiu dometo en Bjalistoko — antaŭe rusa, hodiaŭ pola urbo, mia naskiĝloko — fariĝis intertempe mondfama. Ĝi portas eĉ sur unu el siaj muroj marmoran tabulon, dediĉitan antaŭ nelonge, kun la surskribo, ke ĉi tie Zamenhof vivadis.

Zamenhof, la kreinto de la lingvo internacia, kiun provizore parolas eĉ ne unu sola nacio, sed kiun iam eble parolos ĉiuj. Ankaŭ lin mi rememoras, kvankam malpli klare ol lian domon. Malalte kreskinta vireto kun la eksterajo de provinca lernejinstruisto, kun mallonga plenbarbo, okulvitroj, trankvilaj, pedantaj movoj, trankvila, senemocia voĉo, malmola ĉapelo, modesta vestaĵo. Ĉu oni tiam, t. e. antaŭ 40 jaroj, en Bjalistoko jam parolis pri lia Esperanto, estas nur malfacile konstateble. Sed ke mia patrino rakontis pri lia eksterordinara ordemo, eĉ lia pedanteco, pri tio mi hodiaŭ povas ankoraŭ rememori. Tiam estis la parolo pri tio, ke Zamenhof la porvestan broson, kiun li uzadis ĉiumatene je difinita tempo, kun matematika akurateco, remetadis sur la saman lokon de la komodo. Sekve de tio — tiel mia patrino raportis — estiĝis, en la plato de la komodo, malgranda kavo.

Ĉi tiu kavo per la porvesta broso kaŭzita estis la unua objekto, kiun mi klopodis alrigardi, kiam mi iuvespere eniris la flavan domon, la lulilon de Esperanto. Mi opinias, ke mi tiam havis aĝon de 11-12 jaroj. Zamenhof estis forlasinta tiutempe Bjalistokon por ekloĝi en Varsovio. En la malgranda, pura loĝejo postrestis la patrino de Zamenhof, amikino de mia patrino. Ŝi estis tute soleca, malriĉiĝinta, sen servistino, kaj tiam ekmalsanis. Post mallonga tempo evidentiĝis, ke estis kancero. Ĉiunokte devis unu el la amikoj ĉeesti en la loĝejo, por povi helpeme servi la suferantan sinjorinon. Tiamaniere la vicordo trafis ankaŭ min. Mi estis fiera pri mia misio. En mia fantazio mi atendis de ĉi tiu nokto kelkion riĉan je varieco. Kiu scias, kio ajn povas subite okazi al maljuna, malsana sinjorino... ? Ŝi povas eĉ morti, jes, kial do ne ? Tiam mi estos tiu, al kiu ŝi konfidas la lastan sekreton de sia vivo. Ĉar mi estis tute certa pri tio, ke ĉiu sinjorino — kiel ajn malforta kaj maljuna ŝi estas — posedas iun sekreton kaj ne mortas, ne komunikinte ĝin al iu persono. Ĉi tiu persono kun la finfine solvita sekreto de la sinjorino mi fariĝos hodiaŭ nokte. Mi ĝin tratenos kun mi dum mia tuta vivo, mute, kaj kiam estos veninta mia horo, mi ankaŭ ĝin konfidos en kvieta aŭtuna nokto al iu, kiu hazarde estos ĉe mi. Li pluentrenu ĝin — Dio scias, por kio !

La vespero estis trankvila, la puraj stratoj malplenaj je homoj, kiam mi iris en la malgrandan dometon en la « Verda strateto ». Estas kompreneble, ke ĉio, kion mi nun rakontas, restis enpresite en mia memoro, malgraŭ la multaj jaroj, kiuj dume pasis: ne ĉiuvespere oni iras al mortanta sinjorino, por embuski la sekreton de ŝia vivo...

Kiel volonte mi dezirus nun rakonti: la patrino de Zamenhof efektive mortis en ĉi tiu nokto kaj efektive ŝi konfesis sian sekreton. Kaj ĉi tiu terura sekreto, ĉi tiu lasta mistiko de ŝia estado, kiun ŝi per mortanta voĉo flustris en mian orelon, temis pri ŝia filo, la strangulo, kiu loĝas ie en Varsovio kaj tie... ssst... tion neniu scias, sed mi nun tion eksciu: li eltrovas en Varsovio novan lingvon ! La unua duono laŭdire jam ekzistas, mankas nur la dua... Neniuj konjugacioj, neniuj esceptoj de la regulo ĉe la verboj. En ĉi tiu lingvo fari erarojn en diktaĵo, estas neeble, ĉu vi aŭdas tion, Ossip ?... Kaj ĉi tiu admirinda lingvo nomiĝas — venu pli proksimen, fleksu vin super mian agonian kusenon — ĝi nomiĝas : Espe... pe... pe...

Sed nun, meze de la decida vorto, la maljuna sinjorino mortis, kiel estas kutime en tiaj okazoj kaj mi starante restis, emociigite kaj perplekse samtempe...

Nu, ĉio tio ĉi estus ja certe povinta okazi en ĉi tiu nokto. Sed efektive estis alie. La patrino de Zamenhof tute ne mortis dum mia ĉeesto, kaj pri tio, kion ni tiam parolis, antaŭ ol mi ekdormis sur la sofo, mi ne povas rememori. Treege verŝajne temis pri glaso da akvo aŭ pri la riglita pordo aŭ pri fenestra tabulo ne fiksita. Mi tre dubas pri tio, ĉu la maljunulino menciis en ĉi tiu nokto la laboron de sia filo. Mi dormis trankvile la tutan nokton, ne ĝenate per la lasta sekreto de sinjorino.

Kaj tamen la Esperanto-patrino havis nur ankoraŭ mallongan vivon. En la vintro ŝi mortis. Ŝia filo venis al la enteriĝo. Li estis nigre vestita, portis la saman malmolan ĉapelon kaj sekvis la ĉerkon per malrapida, metoda paŝo. Poste li malaperis el Bjalistoko kaj mi neniam lin revidis. En la flava dometo loĝas hodiaŭ iu alia.

Post 10 jaroj mi trafis hazarde la skribaĵon de Tolstoj, en kiu li asertis ke li ellernis la lingvon Esperanto en unu tago. Do, la dua duono estis ankaŭ malkovrita intertempe...

Tradukis :
Julius Holzleithner,
Aŭstrio.

## Niaj Mortintoj

*S-ro Natan Natans*, aktiva sindikatano, nederlanda, energia puŝinto de E. en fervoj-sindikatan medion, 28-an de Julio en aeroplanakcidento proksime de Bruselo.

*S-ro John T. Holmes*, DM de UEA en Torquay, Angl., 20-an de Septembro.

*S-ro Ilja F. Puhalo*, estinta Teritoria Sekretario de UEA en Jugoslavio, laborinte multe pri Fervojista Asocio, 40-jara, en Bregi Koprivnica, post longa suferado.

## Masaryk kaj la " Manuskriptoj "

Estis kelkaj tagoj post la forpaso de l' granda eŭropano, kia estis la unua prezidanto de l' Ĉeĥoslovaka Respubliko. Pluva griza tago, kvazaŭ funebro. Senintence mi prenis volumon lastan el verkaro de Gœthe. Tradukaĵoj el fremdaj lingvoj. Altiris atenton mian poeziaĵo « *Das Sträuss'chen* » (La bukedeto) kun indiko « Altböhmisch », tio signifas, ke temas pri traduko el malnovĉeĥa. Iom surprize mi legis :

*Wehet ein Lüftchen*
*aus fürstlichen Wäldern*
*da läuft das Mädchen*
*da läuft es zum Bach*
*schöpft in beschlagne*
*Eimer das Wasser.*

Strange min impresis ĉi-tiu poeziaĵo kaj precipe la indiko « *malnov-ĉeĥa* » Esploro pri origino de tiu ĉi versaĵo de 36 linioj kondukis min al plej signifoplena epizodo en vivo de l' pensulo-prezidanto jus mortinta.

La ĉeĥa popolo, spite centjara katenigo, neniam forgesis brilan pasintecon. Politika subpremo vekis opozicion, sin esprimantan varie.

Estis la tempo de l' romantismo, post la epoko Napoleona. La senliuziiĝo de l'libereculoj pri la ĝenerala situacio esprimiĝis en eksplodoj perfortaj kaj tiuj de pensuloj kaj poetoj per rifuĝo en pasinton, en verkado pri ideala stato iama, aŭ estonta.

El tiu ĉi situacio, subpremo de novaj ideoj en Eŭropo kaj subpremo nacia en multaj landoj kompreniĝas tio, kio okazis en Bohemio. Estis en jaro 1817, ĝuste dum 8 septembro, ke literaturisto *Václav Hanka* asertis, esti trovinta en la turo de la Dekana preĝejo en urbo Dvŭr Králové, (germanlingve Königinhof) ĉe rivero Laba (Elbe) manuskriptojn en arkaika lingvo. La dekdu foliegoj enhavis poeziaĵojn epikajn kaj lirikajn. Fragmentoj de l' poeziaĵoj pritraktas la forpelon de l' poloj el Praha (jaro 1004), priskribon de malvenko de saksa armeo, venkon de Jaroslav super la tataroj ĉe Olomouc (jaro 1241), venko super Vlaslav, turniro el malnova tempo, festo pri la venko de Zaboj kaj Slavoj, du slavaj ĉefoj super la kristana armeestro Ludoviko (jaro 805 ?) La fino estas kantoj laŭ popola maniero, ĉarmaj kaj agrablaj.

La fratoj Jireček, eminentaj literaturistoj deklaris, ke tiuj tekstoj estas el 13-a jarcento. Ne imagebla por ni hodiaŭ estis la sensacio kaŭzita per ĉi tiuj manuskriptoj. Chateaubriand, la fratoj Grimm kaj fine la maljuna Gœthe profunde interesiĝis. Gœthe diris le ke precize tiuj tekstoj, ilia formperfekteco kaj ĉarmo, lin igis lerni la ĉeĥan lingvon.

Kaj la traduko de la *Bukedeto* estas la frukto de tiu ĉi lernado. Simpla kaj gracia sonas la versoj senrimaj en la traduko germana. Kiom profunde Gœthe devis senti la originalon por penetri en lingvon tiom komplikan kiom estas la ĉeĥa !

Václav Hanka fariĝis fama.... dum certa tempo. Monumento estis starigita en Dvur Králové (t.e. Kortego Reĝina). La patriotismo ĉeĥa saturiĝis. Atentinde estas tamen, ke la slavisto Ŝafarik, bopatro de unu el la fratoj Jireček, nenialoke citas la manuskriptojn en sia monumenta verko « Slavaj Antikvaĵoj ».

Sed frue leviĝis kritikoj. La literaturo pri la manuskriptoj formas bibliotekon. Tradukoj iliaj ekzistas en aro da lingvoj. Sed kontraŭ la nomoj de Fratoj Jireček, kompetentaj literaturistoj, neniu povis sukcesi.

Estis Masaryk kune kun la profesoroj Gebauer kaj Goll kiuj entreprenis pruvi, ke temas pri grandega mistifiko. Profesoro Gebauer montris, ke la teksto enhavas gravajn lingvajn mankojn dume Masaryk atentigis pri sociologiaj nekorektaĵoj. Ventego en la kampo de la supernaciuloj, por kiuj la kuraĝa defendanto de l'vero estis subaĉetito. Neniu ĉeĥa periodaĵo kuraĝis doni lokon al la du ĉefaj batalantoj pro vero kaj honesteco. La sola revuo « Athenaeum » (fondita de Masaryk) akceptis la artikolojn. Iom post iom ŝanĝis la sinteno de la publiko dank'al novaj faktoj speciale ŝuldataj al la esploroj de Dolansky, Aliaj sciencoloj ankaŭ subtenis, tiel ke fine la *Manuskriptoj* ne plu estis konsiderataj kiel aŭtentikaj. Hodiaŭ la demando ne plu estas aktuala. Masaryk, severa en ĉio kio rilatas veron, venkis.

G. Agricola.

## La bukedo (Laŭ Goethe)

*Blovas ventspiro*
*El princaj arbaroj ;*
*Ekkuras knabino*
*Al eta river',*
*Ĉerpas la akvon.*
*Jen en sitelojn*

*Atente, singarde*
*Ja scias ŝi ĉerpi.*
*Buked' ĉe l' rivero*
*Por la knabino*
*Alnaĝas odoraj*
*Violoj kaj rozoj.*

*Ĉarma floreto,*
*Se mi nur scius,*
*Kiu vin plantis*
*En teron la molan ;*
*Ja ! al li donus*
*Ringeton mi oran.*

*Ĉarma bukedo*
*Se mi nur scius,*
*Kiu per pura*
*Basto vin ligis :*
*Ja ! al li donus*
*Mi pinglon de l' haro.*

*Ĉarma bukedo,*
*Se mi nur scius,*
*Kiu en freŝan*
*Akvon vin Jetis :*
*Ja ! al li donus*
*Mi kronon de l' kapo.*

*Kaj ŝi postkuras*
*Al urĝa bukedo.*
*Ŝi kuras antaŭen,*
*Kaj provas ĝin kapti,*
*Sed falas, ŝi falas*
*En akvon la freŝan.*

## Korespondenca — Centro — Internacia

havigas ĉiaspecajn korespondadresojn, ebligas korespondadon pri ĉiuj temoj kaj kun ĉiuj landoj. Petu detalojn.

**2-e Helmerstraat 22, Amsterdam (Nederlando)**

### Danko

Mia nordeŭropa vojaĝo daŭrigas tre glate, kvazaŭ sur reloj, dank' al modelaj programoj kaj planoj de niaj karaj gesamideanoj en Litovio, Latvio, Estonio kaj Finnlando. Mi dankas ĉiujn, kiuj kunhelpis, aranĝante paroladojn, farante tradukojn kaj raportojn kaj agrabligante mian restadon kaj veturadon. Speciale mi dankas la ĉefkonsulojn de Bulgarujo en Danzig, Königsberg, Riga, Tallinn kaj Helsinki kaj la Esperanto-societojn en la tri lastaj urboj.

Espereble fidelaj amikoj deĵoras ankaŭ sur miaj vojoj en Svedujo, Norvegujo, Danujo, Islando, k.t.p. Vivu Esperanto !

Ivan H. Krestanov,

### Korespondado

Se vi volas korespondi kun kanadano skribu el ĉiuj mondpartoj al : Aleksander N., Blaine Lake, Sask. Kanado.

*Amsterdam* (Nederlando).

S-ro N. Zilver z. Jansestraat 53, PM. PI.

*Frankfurt am Main-West* (German.)

S-ro Rudolf Meyer Rödelheimerlandstrasse 24, PM, prefere Eŭropo kaj kolonioj. Certe respondos.

*Mukaĉevo* 3 (Ĉeĥoslovakujo).

S-ro A. Veverka, Internat. ul. 42 ; daŭre interŝanĝas kĉl. PM, PI kun bildoj de signifaj kulturverkoj kaj monumentoj, naciajn kantojn.

Moskvo.- S-ro Nikolao N. Ŝaŝkin, Ĉistie prudi no. 9 kv.l., PI - PM.

*Artikolojn pri literaturaj okazintaĵoj* en Ĉeĥoslovakio ricevas senpage kunlaborantoj de literaturaj gazetoj de : S-o Václav Ŝavel, Straŝnice, Rybníčky. PRAHA. Anoncu vin al seriosa kunlaborado.

*Torva* (Estonio).

S-ro Eduard Karulin, Valga Tän. 21, L., PM., PI., PK bfl., k.ĉ.l. Certe respondos.

**Fondinto : H. Hodler. † 1920**

**Redakcio : Tour de l'Ile, Genève. Red. : Provizora Komitato de U E A**

**Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)**

Dato : 12 oktobro 1937